

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)



## 1986 — JARO DE PACO

jaro 25 · n-ro 1 · 1986

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj**: Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 –4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

**Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj** – D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

**Membro de la estraro** – Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: **Ĉefredaktoro** – Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoroj**: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

**Teknika aranĝo**: Evgeni Georgiev

**Korektis**: Rumjana Georgieva

ENHAVO DE N-RO 1 – 1986

- Gravegaj mondproblemoj . . . . . 3
- La unua estona Esperanto-gazeto ... 4
- Literatura piratado kaj plagiato .... 7
- Tra la amaskomunikiloj . . . . . ... 9
- Esperanto en Bulgara Televido .... 12
- Libera Tribuno . . . . . . . . 13
- Nova ŝanco por terminologio . . 14
- Ricevitaj esperantaĵoj . . . . . . 19
- El nia leterkesto . . . . . . . 20

Sur la unua kovrilpaĝo: **grafika simbolo de Internacia Jaro de Paco 1986**

---

Vortlisto pri ĵurnalismo kaj tipografio

Por kompili vortliston pri ĵurnalismo kaj tipografio (presarto) estas serĉataj nacilingvaj tiaspecaj libroj ktp., eble ankaŭ E-fakesprimoj. Bv. sktibi al la redakcio de „Saksa Kuriero" (Distrikta Estraro de GDREA en Kulturligo de GDR, DDR-7010 LEIPZIG, Käthe Kollwitz-Strasse 115, GDR).

---

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa „INTERNACIA ĴURNALISTO" aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!**

## GRAVEGAJ MONDPROBLEMOJ KAJ ESPERANTO-MANIFESTIĜOJ – GRAVEGAJ ĴURNALISTAJ KAJ ESPERANTISTAJ DEVOJ KAJ TASKOJ

Nun la homaro vivas kaj laboras en tre ege streĉitaj cirkonstancoj kaj atmosfero. De unu flanko revolucie disvolviĝanta scienco kaj tekniko, kiuj certigas al la homoj pli malpezan laboron kaj pli riĉan kaj feliĉan vivon. Bedaŭrinde, la sciencteknika revolucio delonge estas uzata ne nur por la plibonigo kaj plialtigo de la vivnivelo kaj sanstato de la homoj sur nia bela planedo Tero, sed ankaŭ por konstruado kaj produktado de danĝeregaj kaj amasekstermaj armiloj – nukleaj, kemivenenaj, laserradiaj kaj nun – malgraŭ la amasaj manifestacioj kaj protestoj de la homoj en ĉiuj kontinentoj-rapide preparataj far usonaj militemuloj „kosmajn militojn". Paralele kun tio pligrandiĝas ekstreme la venena malpurigo de la tera surfaco kaj atmosfero, profundiĝas malegaleco, la malriĉeco de multaj popoloj.

Estas ankaŭ esperigaj eventoj, ekzemple la renkontiĝo de la ĉefaj ŝtatestroj de USSR kaj Usono M.S.Gorbaĉov kaj R.Reagan. Esperiga estas ankaŭ la sekva renkontiĝo de la ambaŭ ĉefgvidantoj en Usono. Ili devas praktike trankviligi la homaron, ke oni alpaŝos al senarmigo, al neniigo de raketoj, al ties malinstalo kaj ĉesigo de elprovoj. Okcidente kaj oriente centmilaj manifestacioj postulas tujan ĉesigon de la milipreparoj. Ĉi-jare la manifestacioj pligrandiĝas – ja 1986 jaro estas proklamita Internacia Jaro de Paco.

Ankaŭ la devoj kaj la streboj de la amaskomunikiloj estas ne nur bone respeguli la batalon de la popoloj por paco, sed ankaú subteni ĝin per siaj esprimrimedoj. Tiurilate unuarangaj devoj kaj taskoj staras ankaŭ antaŭ niaj esperantistaj amaskomunikiloj-ĵurnaloj, gazetoj, bultenoj, murgazetoj. Nia „Internacia Ĵurnalisto", presorgano de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, ne forgesas sian gravan taskon - skribi kaj respeguli la E-porpacajn agojn kaj manifestiĝojn. Krome, nia presorgano respegulas la laboron tiurilate de la Esperantaj periodaĵoj speciale per la materialoj de la esperantistoj sub la rubriko „Tra la amaskomunikiloj", kion ĝi faros ankaŭ estonte.

La tutmonda esperantistaro energie preparas sin por celebri digne kaj solene la centjaran jubileon de Esperanto. La membroj de TEĴA estas devigataj subteni la jubileajn planojn de Universala Esperanto-Asocio, de nia ĵurnalista E-asocio. la planojn de sialandaj fakaj kaj ne-fakaj E-organizaĵoj, iliajn organizajn, propagandajn, kultur-klerigajn kaj E-kursajn laborojn, respeguli kaj subteni iliajn aktivecojn. kaj manifestiĝojn.

Estas bone sciate, ke la ĵurnalistoj, inkluzive la esperantistajn, estas iniciatemaj, entreprenemaj kaj agemaj homoj. Do, la esperantistoj-ĵurnalistoj devas ankaŭ esti ne nur aŭtoroj de amaskomunikilaj materialoj, sed ankaŭ persone aktivaj organizantoj kaj plenumantoj de la antaŭjubileaj kaj dumjubileaj aktivecoj, programoj kaj planoj. Samtempe, oni devas propagandi la Internacian Lingvon ankaŭ inter la ĵurnalistoj, organizi, apogi la E-kursojn por ĵurnalistoj, esperantigi kaj varbi poste ilin kiel membrojn de TEĴA kaj abonantojn de nia „Internacia Ĵurnalisto," kiu jam pliboniĝas laŭ ekstera aspekto kaj pliriĉiĝas laŭ enhavo.

Al abnegacia laboro, karaj kolegoj-ĵurnalistoj! Ni renkontu kaj digne festu la 100an jubileon de Esperanto!

**Iv. Esp.**

## LA UNUA ESTONA ESPERANTO-GAZETO

Esperanto atingis Estonion baldaŭ post ĝia apero. La unua estono, kiu lernis Esperanton jam en 1891, estis tajloro Jaan Tenisson, antaŭa volapukisto. La unuan E-kurson por estonoj aperigis Villem Vaher /1873-1950/ en la gazeto „Postimees” /Poŝtisto/ en 1893. Fine de la 19-a kaj komence de la 20-a jc. aperis jam kelkaj lernolibroj, inter kies aŭtoroj estis aktiva ĵurnalisto Johannes Adolf Rahamägi /1883-1914/, koniganta la Internacian Lingvon ankaŭ per gazetartikoloj. Dum pli ol dek jaroj la movado restis nur en la kadroj de lernado kaj renkontiĝoj de unuopuloj el la malvasta rondo de tiutempa estona inteligentularo.

La unua publika kurso de Esperanto okazis en 1907. Ĝin gvidis J.A.Rahamägi kaj J.H.Vahtrik /1862-1949/. La kurson finis 50 personoj. La saman jaron oni sukcesis ricevi permeson por fondi la unuan oficialan E-organizaĵon en Estonio – Revela Esperantista Grupo.

Ĉar ĉe la lulilo de la grupo krom J.A.Rahamägi estis ankoraŭ kelkaj aliaj verkemuloj, la grupo tuj iniciatis eldonadon de sia „presorgano” – „Eldonaĵo de Revela Esperantista Grupo”. Ĝi estis 8-paĝa, hektografita, redaktita de J.A.Rahamägi... Kunlaborantoj-aŭtoroj krom la redaktoro estis J.H.Vahtrik /fariĝis baldaŭ idisto/, M. Reichenbach /pron. Rejĥenbaĥ – 1887-1969/ – poste konata estona verkistino, J.Rosenberg /1881-1937/[1] – do la fondintoj de la grupo. Aperis 6 numeroj de „Eldonaĵo” el kiuj konserviĝis nur la lasta.

En la fino de 1907 kunveno de la Revela E-Grupo pritraktis proponon de la Peterburga E-societo „Espero” organizi „Ruslandan Federacion de Esperantistoj”(kun oficiala presorgano „Ruslanda Esperantisto”), kie ĉiu esperantista grupo havu sian fakon! La propono ne trovis subtenon. Anstataŭ tio oni decidis komenci eldonadon de sia propra regule aperonta revuo, „kiun oni povos sendi ankaŭ al redakcioj de aliaj E-gazetoj, reciproke ricevante de ili la iliajn”. Oni esperas trovi 100 abonontojn.

Ekde 1908 oni transiris al presita revueto „Estlanda Esperantisto”, kies redaktoro-administranto estis J.A.Rahamägi. Ĝi estis 8-paĝa, dumonata, dulingva. En la enkonduka artikolo la redaktoro konstatas: „Multaj avertas nin. . . kaj certigas, ke estas frenezaĵo, se malgranda kaj ankoraŭ malforta grupeto /65-anoj, N.L./ prenas sur sin tiel gravan taskon. Sed „la lokaj cirkonstancoj, la maniero,laŭ kiu la ideo pri lingvo internacia tie ĉi disvastiĝadis, tion ĉi nepre postulas. . . La ideo ekĝermadis samtempe kaj memstare en multaj lokoj; preskaŭ ĉiu urbo en Estlando havas malgrandan rondeton Esperantistan, starantan plene izolite, sen ia sciigo pri aliaj; en vilaĝoj troviĝas samideanoj,kiuj ne havas eblecon ricevi ian subtenon, entuziasmigon. Simile al sola karbo ili estas „destinataj, estingiĝi, sufokiĝi”. „E E” intencas fariĝi vento, blovanta tiujn ĉi bruletantajn karbojn ĉiam denove flami, liberiganta ilin ĉiam denove elsub cindra kovrilo.” /Sonas aktuale eĉ post 80 jaroj! /

„Ni restos fidelaj” titoliĝas la artikolo pri „Delegitaro por elekto de internacia helpa lingvo”. En ĝi J.A.Rahamägi pledas por fideleco al la „Fundamento de Esperanto”. Pri preparoj por la IV UK troviĝas informoj el diversaj landoj. Felietono „Frenezuloj” de M.Reichenbach komenciĝas: „Ĉu vi aŭdis ion pri la frenezuloj, kiuj volas enkonduki en la mondon iun „internacian“ lingvon Esperanto? ” Kaj finiĝas:„Ho, jes, la ho-

moj bedaŭrinde ĉiam akceptas la malsaĝajn ideojn, kaj al la saĝuloj restas nur kompati ilin kaj fine ankaŭ aliĝi al ili! "

La dua numero skribas pri graveco de organizita agado kaj indikas: „Propagandu inter laboristoj, lernantoj, komercistoj! La grupo ne fariĝu havaĵo de riĉuloj kaj granduloj." La numero enhavas „Paroladon de D-ro L.Zamenhof" la 21-an de aŭgusto 1907 en Londono. Sub la rubriko „Revuo" troviĝas cirkulero de Zamenhof pri la reformoj proponitaj de la „Delegitaro". El la mondo oni informas: En Vladivostoka marista lernejo lernado de Esperanto estas deviga, en Belgia militista lernejo – al oficiroj. En Hispanio estas jam 48 E-societoj. Kolonelo Pollen vojaĝas en Hindio kaj Malgranda Azio. Li paroladis bonrezulte en Bombaj, Karaĉi, Basra, Bagdado. La lasta, li kredas, fariĝos grava E-centro, ĉar tie oni parolas 66 apartajn lingvojn. Dukoj de Hindio aktive partoprenas la movadon. La ministro de popola klerigo de Filipinoj decidis enkonduki instruadon de Esperanto en ĉiuj mez- kaj altlernejoj. Angloj mem komprenas, ke ilia lingvo ne fariĝos internacia, kaj ili diligente lernas Esperanton. Juna sviso Edmond Privat paroladis en Usono pri Esperanto. 40-foje dum tri monatoj, ĉie elvokinte grandan entuziasmon. Afriko: sultano de Zanzibaro sciigis al la prezidanto de la angla E-societo, ke li volas ĉiuflanke progresigi instruadon de Esperanto en sia lando.

La duobla numero 3-4:

La redaktoro J.A.Rahamägi en la artikolo „Postuloj de la momento" pledas por Esperanto kontraŭ Ido-skismo. Sub „Revuo" oni informas pri sukcesoj en la grupo kaj pri komenco de la movado ekster Revelo /Tallin/. Troviĝas pli longa artikolo pri Esperanto en Finnlando, pri preparoj por la IV UK en Dresdeno, pri Peterburga societo „Espero" kaj ilia revuo „Espero" eldonata de „Vestnik Znanija"[2]. En Moskvo komenciĝis vigla propagando de Esperanto. En letero la japana ministro de eksteraj aferoj grafo Hayashi /pron.Hajasi/ rekomendas Esperanton al japanoj, „por ke Japanio en klerigado ne postrestu en la mondo."

En la kajero aperas unu el la plej unuaj tradukoj alilingven el la estona, novelo de Fr.Mihkelson /poste pseŭd. Tuglas/ „Al nia propra suno! "

Aperigo de la tradukita beletro en Esperanto sekvas ankaŭ en la 5-a numero. Oni plu publikigas materialojn pri Ido-skismo. Oni informas, ke laŭ „Oficiala gazeto Esperantista" meze de 1908-a jaro en la mondo estis 928 E-societoj: en Afriko – 14, en Ameriko – 106, en Azio – 22, en Eŭropo – 769(en Bulgario – 16, en Rusio – 42).Fondiĝis UEA. En Revelo estis elektita ekzamena komitato.

La 6-a – lasta – numero resumas la IV E-kongreson en Dresdeno, prezentas la paroladon de H.Hodler pri UEA /ambaŭ en la estona lingvo/, daŭre prezentas proponojn pri esperantista organizo.

En la komenco de 1909 J.A.Rahamägi informis, ke la revuo aperis kun deficito de 47 rubloj. Li proponis daŭrigi la eldonadon privatmaniere. Sed la estraro tion malaprobas. Jam en marto la saman jaron J.A.Rahamägi transloĝiĝis al Narva, poste al Petrogrado, kie li plu aktivadas en la movado. En 1912 li fariĝis unu el la unuaj diplomitaj rusaj esperantistoj. En 1914 li veturas al la X UK en Parizo. Survoje la veturantojn trafas la Unua Mondmilito. Post tio mankas informoj pri la sorto de J.A.Rahamägi – la unua profesia estona ĵurnalisto-esperantisto.

La agado de Revela Esperantista Grupo estas malpermesita en 1913. Organi- →

## ALTAJ DISTINGOJ

Okaze de la 75-jariĝo nia ĉefredaktoro **Ivan Keremidĉiev – Esperov** estis distingita per alta ŝtata ordeno „Popola Respubliko Bulgario – unua grado. Per speciala letero lin salutis Todor Ĵivkov, ĝenerala sekretario de Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio kaj prezidanto de Ŝtata Konsilantaro, menciante la grandajn meritojn de Ivan Keremidĉiev – Esperov kiel ĵurnalisto, sociaganto kaj kiel aktiva batalanto kontraŭ faŝismo.

Salut-telegramon kun simila teksto li ricevis ankaŭ de Ĉudomir Aleksandrov, membro de Politika Buroo kaj sekretario de Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio. La jubileanto salutis ankaŭ multaj sociaj kaj kulturklerigaj organizaĵoj,multaj bulgaraj kaj eksterlandaj esperantistoj.

* * *

La Ŝtata Soveto de Popola Respubliko Bulgario distingis per ordeno „Kiril i Metodij" – I grado, la ĝeneralan sekretarion de TEĴA **Donĉo Ĥitrov,** ĉefredaktoro de revuo „Bulgara Esperantisto kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" pro lia multjara sindona ĵurnalisma aktivado kaj lige kun lia 60-jara jubileo.

La Estraro de la Unuiĝo de Bulgaraj Ĵurnalistoj (UBĴ) distingis lin per la honora insigno de la Unuiĝo „La Ora Plumo" pro lia kontribuado al la bulgara ĵurnalismo kaj al UBĴ.

---

## AKADEMIO INTERNACIA DE LA SCIENCOJ – SAN MARINO

Per speciala informletero en Esperanto oni sciigas al la mondaj amas- kaj E-komunikiloj, ke la 31an de oktobro 1985, post dutaga debato, la sanmarina parlamento aprobis per 34 kontraŭ 21 voĉoj kaj 1 sindeteno la kadran leĝon pri universitatnivelaj studoj fareblaj kaj akademiaj titoloj akireblaj en ĉi plej malnova memstara ŝtato de Eŭropo.

---

zita E-agado en Estonio komenciĝis demove en 1919. En 1922 ekaperis „Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio".

**N.LAANOJA,**
**ĵurnalisto**

1) J.Rosenberg restis longe aktivulo kaj unu el la gvidantoj de la estona E-movado.
2) Eldonaĵo de „V.Z." „Espero" aperis ankaŭ nur dum 1908, entute 12 numeroj.

# LITERATURA PIRATADO KAJ PLAGIATO

En la oficiala organo de UEA, Esperanto (septembro 1985, pĝ.160), troviĝas jena informo.

"Irana pirata represo de Plena ilustrita vortaro vidiĝis
en la kongreso, verŝajne la unuan fojon en Eŭropo.
Oni ja ne vendis ĝin en la kongresa libroservo, sed
ĝi estis aĉetebla en la apuda parko! "

Tiuspeca nerajtigita represo ne estas la unua en Esperantujo kaj, bedaŭrinde, ĝi verŝajne ne estos la lasta. Aŭtoroj, redakcianoj, eldonistoj kaj aliaj homoj okupiĝantaj pri komercaj aspektoj de publikigado kaj distribuado de verkoj en Esperanto certe iam demandis sin, ĉu estas iu maniero malhelpi tiun neetikan agadon. Ĝuste tio estas unu el la celoj de la nova fakorganizaĵo Esperanta Verkista Asocio(EVA). La dua alineo de paragrafo 9 de la Statuto de EVA tekstas jene: "EVA kontraŭas literaturan piratadon kaj agas favore al la aplikado de internacie rekonitaj konvencioj tiurilataj." Unu el la komitatanoj de EVA prikomentis: "Vortumo tre efika, sed iom nebula; verŝajne ne ĉiuj komprenos pri kio ekzakte temas." Kun la celo forigo tiun nebulecon, mi deziras pritrakti pli detale du terminojn kutime uzatajn en la kunteksto de la citita paragrafo: piratado kaj plagiato.

Origine la vorto "pirato" signifas maran rabiston. Laŭ Plena Ilustrita Vortaro (PIV) ĝi havas ankaŭ la figuran sencon "homo, kiu alproprigas al si aliulan posedaĵon", sed tiu difino estas iom mankhava. La alproprigita posedaĵo ne devas esti materia: ĝi povas esti la produktaĵo aŭ kreaĵo de mensa aŭ spirita agado. En la tereno de la literaturo oni parolas pri pirataj eldonoj de verkoj, kiuj aperas sendepende de la rajtigita eldono. Eldonejoj, kiuj pirate publikigas librojn ne petas permeson de la aŭtoro kaj, nature, ne pagas al li tantiemon. Ekzistas leĝoj pri kopirajto en preskaŭ ĉiuj landoj por protekti aŭtorojn kontraŭ tiu ŝtelkopiado, kiel PIV nomas tiuspecan piratadon, kaj trans landlimoj funkcias samcele internaciaj konvencioj. Piratai eldonejoj povas ekzisti, kompreneble, nur en landoj, kiuj ne ratifikis internacian kopirajtan konvencion.

Por indiki, ke verko estas kopirajtigita, devas esti presita dorse de la titolpaĝo la litero "C" interne de rondo, ©, sekvata de la nomo de la eldonejo aŭ la aŭtoro. Anstataŭ tiu simbolo, kelkaj eldonejoj uzas la anglan vorton copyright; tion oni povas legi en Plena Vortaro: "Copyright by SAT 1934". Krom tio kelkfoje troviĝas ankaŭ frazo simila al la sekva en PIV: "ĉiuj rajtoj rezervitaj por ĉiuj landoj inkluzive de Sovetio". Ankoraŭ unu variaĵo aperas en Retoriko: "Kopirajto — Reprodukto, ekstrakto aŭ traduko en kiun ajn lingvon nur kun la permeso de la aŭtoro — © Ivo Lapenna 1971".

Alia speco de pirato akaparas parton de la radiodissenda bendo sen ricevi permeson de internacia instanco uzi ĝin. Tiuj neleĝaj radiostacioj aŭ estas sekrete lokitaj en iu lando aŭ funkcias sur ŝipo en internaciaj partoj de la maro; tiel la radiopiratoj povas eviti punon. Estas emfazinde, ke la piratado de literaturaj, muzikaj aŭ artaj verkoj estas fundamente negoco. Ne nepre temas pri fraŭdo, do ne estas necese kaŝi la identon de la aŭtoro aŭ aperigi lian verkon sub alies nomo. Kaj kiel negoco ĝi estas kontraŭleĝa, ĉar ĝi ekzistas pro malobeo de la pri-

ncipo de la rajto de aŭtoreco aŭ aŭtorrajto, kiun PIV koncize difinas jene:„ekskluziva rajto, garantiita de la leĝo al unu aŭtoro por difinita tempo, presi, publikigi kaj vendi reproduktojn de originala verko”.

La dua termino, „plagiato”, estas alia afero. La Fontaine verkis fablon pri garolo, kiu alproprigante al si la plumaron de plumŝanĝiĝinta pavo, volis esti rigardita kiel belulo. La poeto komparas tiun falsan, ŝajnigeman birdon al la homa specio samnatura, la plagiatisto, kiu pro malhonestaj celoj volas aperi kiel la aŭtoro de vortoj kaj ideoj de alia homo. Ĉi-kaze la kopiado estas bazita sur trompo kaj fraŭdo. Pli frue, en la antikva Romio, alia poeto, Marcialo, atentigis pri plagiatado en kelkaj el siaj epigramoj. En la unua libro de sia verko li dediĉas la 52-an epigramon al sia riĉa patrono Kŭintiano kaj petas lin defendi liajn librojn kontraŭ alproprigo fare de plagiatistoj. La romia epigramisto komparas tiujn librojn al liberigitaj sklavoj forkaptitaj de aliaj homoj.

Tiu asocio de rabitaj verkoj kaj homoj baziĝas sur la etimologio de „plagiato”. En la latina lingvo plagium signifas homforkaptadon. Ĝi devenas de plagia, speco de ĉasreto etendita transe sur vojo, por malhelpi, ke ĉasataj bestoj trarompu la limojn, en kiuj oni volas enŝlosi ilin. Verŝajne la antikva plagiarius origine uzis reton por kapti siajn viktimojn. En la sama periodo plagiarius akiris ankaŭ la figuran signifon de klera rabisto aŭ literatura rabisto. Preciza difino de tiu ĉi speco de plagiatado estas la konscia kaj neagnoskita ripeto de vortoj de alia persono. Ĝi okazis pli ofte en la pasinteco pro manko de kopirajtaj leĝoj, kaj pluraj famaj aŭtoroj estis akuzitaj pro tiu misago. Kompare kun piratado, plagiato estas pli malfacile pruvebla. Devas temi pri la uzo de la precizaj vortoj kaj frazoj de alia aŭtoro. Se nur ties ideoj estas esprimitaj per aliaj vortoj, tio ne estas plagiato laŭ la leĝo, ĉar ĉiam estas eble argumenti, ke okazis nura koincido.

EVA povas kondamni la piratadon kaj plagiaton sed krom tio, tute ne povas malhelpi tiujn agadojn, ĉar ĝi mem ne posedas la leĝajn rimedojn por procesi kontraŭ piratoj kaj plagiatistoj. Tiu tasko apartenas al la eldonistoj de la rajtigitaj eldonoj.

**Bernard Golden**

---

## „E-KURSO EN SUD-AFRIKO”

En septembro 1985 post mallonga sed bona reklamado de Esperanto en la ĵurnaloj de urbo Port Elizabeth kaj per la nacia radioservo, la Portelizabeta Teknika instituto oficiale akceptis Esperanton kiel memstaran studobjekton. La kurso komenciĝis la lastan aŭtunon kun 25 lernantoj, inter kiuj estas lektoroj, studentoj kaj oficistoj de la instituto

Post la komenciĝo de la kurso en ĵurnalo aperis du kontraŭstaraj leteroj de personoj, kiuj ne ŝatas Esperanton. Sed multaj favoraj leteroj,publikigitaj en la ĵurnalo mem, kreis pli da entuziasmo ĉe la publiko kaj rezulte pli da homoj enskribiĝis por la kurso! Kursgvidanto estas s-ro Cobus Zeelie (komitatano de Sudafrika Esperanto-Asocio), redaktoro de „Bona Espero”, revuo de SEA (Sudafrika Esperanto-Asocio) kaj docento pri farmacio ĉe la lokaj teknika lernejo kaj universitato. La kandidatoj de la nova 9-monata kurso poste ekzameniĝos por akiri atestilojn.

**J.J.ZEELIE**

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

## ĴURNALOJ KAJ ESPERANTO

**BUDAPEŜTA INFORMILO**

Sub ĉi titolo „Budapeŝta Informilo" n-ro 2-1986 publicas la informon de E. S. Perevertajlo (Taŝkent, USSR), en kiu li proponas al la ĵurnalistoj-esperantistoj trafe". . . Unu el la kaŭzoj de malatento flanke de la nacilingvaj redakcioj al priesperantaj informoj estas la neglekto flanke de la esperantistoj mem al la redakcioj. Ni sendu priesperantajn informojn. Ili aperos. Ni ne ĉagrenu, se aperos ne ĉiuj, ne tuj , ne en tiu formo, en kiu ni ŝatus vidi ilin. Sed ili aperas."

La aŭtoro donas ekzemplojn – la nomojn de la gazetoj en kelkaj sovetaj respublikoj, en kiuj aperis la informojn pri la unua Mezazia E-tendaro en Taĝikia SSR, kun 120 partoprenantoj.Estus bonege, se ordinaraj esperantistoj tuj sendus similajn informojn al la amaskomunikiloj enlande eĉ eksterlande.

Tamen, la E-ĵurnalistoj nepre devas kontribui al la landa gazetaro per informoj pri E-eventoj kaj faktoj. Tiuj informoj estas la plej bonaj propagandiloj pri la Internacia Lingvo. Perevertajlo mencias ankaŭ ĵurnalon „Pravda" de CK de KPSU, kiu menciis pri la 70-a UK en Aŭsburgo: „10 milionoj da homoj el 103 landoj uzas la lingvon Esperanto. . . Tiuj faktoj estas ricevitai dum la 70-a... Kongreso..."

## LA ESPERANTISTA PACAMO KAJ EGALRAJTECO

Tre bone estas konate al la monda esperantistaro, ke la kreinto mem de Esperanto estis sincera kaj aktiva pacbatalanto.Ja L.L.Zamenhof verkis sian internacian lingvon, por ke la nacioj, la popoloj sur la tero pli facile interkompreniĝu kaj interkunlaboradu senpere en paco. Tiu pacamo ŝprucas el liaj verkoj, el liaj parola̋doj. Kaj li ne nur parolis kaj skribis, sed aktive, laŭ siaj eblecoj, kontraŭstaris al ĉiuj fiagoj de diskriminacio apartismo, rasismo, ŝovinismo, kolonialismo, militarismo k.t.p. Zamenhof kontraŭstaris ankaŭ al la Unua mondmilito kaj mortis malbenante ĝin.

Jen kial la esperantistoj tutkore kaj aktive subtenas ankaŭ la amasprotestojn de la popoloj sur nia planedo kontraŭ la urĝepreparata ĉionneniiga nuklea,ĥemia,bakteriologia kaj kosma milito. Ni estas certaj, ke se Zamenhof estus viva, li estus en la unuaj vicoj de la protestantaj homoj. Jen kial la esperantista gazetaro spegulas kaj subtenas la batalon de la popoloj kaj esperantistoj kontraŭ la milito.Unuavice sur tiu posteno staras la oficiala organo de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM). Artikolojn kaj aliajn porpacajn materialojn oni legas ankaŭ en„Esperanto" de UEA, „Bulgara Esperantisto," „Heroldo de Esperanto," „La Brita Esperantisto", „Der Esperantist," „Int.Ĵurnalisto," la belga, la nederlanda, la hispana kaj aliaj E-organoj kaj speciale la aŭstra „Internaciisto" de KEG kaj „S.e.M -ante"(Semante – Belgio). En la lastaj du oni konstante aperigas multajn politikajn kaj porpacajn materialojn.

## TRADUKU POR LA GAZETARO

La Espero
SVENSKA ESPERANTOTIDNINGEN

Sub tiu titolo en la sveda „La Espero", n-ro 8/985, p.102, skribas pri la modela propagando – ne rekta – de s-ano Gustav Stenholm en Skara-membro de la E-klubo en Skövde. Li„. . .tradukas artikolojn el „El Popola Ĉinio", „Monato," „La Espero" kaj aliaj Esperanto-gazetoj kaj publikigas ilin en „Skövde Nyheter".Tiamaniere la legantoj de nia loka gazeto ekhavis artikolojn pri interesaj temoj en Ĉinio kaj aliaj landoj, kiujn la presagentejoj internaciaj ne povis doni. „. . .En la artikoloj estas ĉiam menciite, ke estas traduko el la Internacia Lingvo Esperanto kaj el kiu gazeto aŭ ĵurnalo.La artikoloj vekis sufiĉe grandan intereson ĉe la legantaro."

La aŭtoro de tiu informaĵo konkludas: „Estas rekomendinde ke esperantistoj en aliaj partoj de Svedio agu sammaniere ĉe siaj lokaj gazetoj".

Ni aldonu al tiu rekomendo ankaŭ tiun, ke esperantistoj en aliaj landoj imitu la bonan ekzemplon de s-ano G.Stenholm.

La supremenciitaj gazetoj kaj modeloj montras kiamaniere ni povas rezultodone propagandi por kaj per Esperanto nian E-aferon kaj agadon.Vana estus nia propagando pri Esperanto, se ni, esperantistoj ĵurnalistoj, ne kunlaboras al la neesperantistaj amaskomunikiloj, respegulante en ili nian E-vivon – organizan kaj kulturkleriĝan, se ni ne traktas en niaj E-amaskomunikiloj la problemojn,kiuj maltrankviligas kaj emociigas la homaron.Plej bona estas kompreneble la laboro de la hungaraj kolegoj per la hungarlingva „Világ és Nyelv" (Mondo kaj Lingvo), la bulgaraj – per la bulgarlingvaj informbultenoj por la gazetaro, la polaj – per Radio Polonia, la vienaj – per Radio Vieno kaj aliaj emisiantaj Esperanto. Ni devas strebi kaj imiti ilin.

## ESPERANTO NE ESTAS FLORO...

Kiamaniere ni pritaksadu la Esperanto-gazetaron? Ĉu laŭ ĝia grandeco, luksa papero kaj presarto? Ĉu laŭ la varieco de la temoj, ilustraĵoj, aŭtoroj? Kompreneble, ne nur laŭ tiuj kaj aliaj ĝiaj kvalitoj. Plej grave estas pritaksi ĝin(ĉu estas bona, mezebona aŭ malbona) laŭ la graveco kaj la aktualeco de ĝiaj enhavo kaj skribmaniero. Estas bonaj E-periodaĵoj, eldonataj el pluraj landoj! Sed estas inverse, malbonkvalitaj, ne tre interesaj. La eldonado de gazetoj dependas de la dispono pri meteriala tipografia bazo kaj spertaj redaktoroj. Kaj la certigo de kelkaj seriozaj materialoj – du-tri, kaj iam sufiĉas nur unu, kiu povas altiri la atenton kaj emocii la animon de la leganto.

„Venezuela Stelo" estas malgranda organo de la venezuelaj esperantistoj, sed ofte ni renkontas en ĝi sufiĉe gravajn temojn, traktatajn lerte. Ekzemple, en n-ro 36-1985 sur la unua paĝo estas ĉefartikolo – „Esperanto: Konflikto kaj Neŭtraleco". En ĝi Alfredo Portallo, membro de la redakta kolegio skribas: „Mi ŝatas Esperanton: precizeco, simpleco, logiko. Mi

pensas, ke Esperanto havas estontecon kaj mi vigliĝas pro la fakto, ke la Zamenhofa lingvo estas ligita al la internacia paca kaj justeca kaŭzo. . ."

„Venezuela Stelo" kaj la E-neŭtraleco.

„. . .Ni ĉiuj scias, ke la mondo estas en konstanta tensio pro la grandegaj malegalecoj ekzistantaj inter popoloj, nacioj, kontinentoj. Kiel oni povas esti neŭtrala fronte al tiuj malegalecoj? " – demandas la aŭtoro. „. . . Problemoj kiel polucio, armilvetkurado, malriĉeco kaj aliaj, ne ĉesos. Kiel Esperanto povas neŭtrale agadi, se la polucio ĉiufoje pli malpurigas, se la armilvetkurado ĉiutage minacas nin kaj la malriĉeco malsatigas en tiom da landoj? "

Kaj oni konkludas: „. . .Esperanto ne estas floro por kultivi en ĝardenetoj. Ĝi estas antaŭ ĉio armilo, armilo por batali kontraŭ la milito, kaj por venkigi la pacon! "

## „LINGVOJ KAJ KULTUROJ: PONTOJ KAJ BAROJ"




Lastatempe ni ricevis „Venezuelan Stelon"/n-ro 34,1985/. En ĝi ni legis la artikolon „Lingvoj kaj kulturoj: pontoj kaj baroj", kiu estis prezentita dum la 66a Universala Kongreso de Esperanto en Brazilio kiel kontribuaĵo al la diskutoj koneksе al la kongresa temo. La aŭtoroj E. E.Mosonyi kaj J.C.Mosonyi reaperigas ĝin konsiderante, ke la pritraktataj en ĝi problemojn nun estas pli gravaj kaj aktualaj ol antaŭ tri aŭ kvar jaroj. „Nome: la subpremado... en triamondaj landoj, la subtaksado de indiĝenaj popoloj en Ameriko kaj aliaj kontinentoj". . . „la imperiismo en siaj diversaj formoj. . ." „ĉiuj estas faktoj, kiuj atestas la maljustecon regantan en la hodiaŭa tutmonda homaro. . ."Kaj la aŭtoroj aldonas la frazon: „La internacia Esperanto-movado ne povas resti indiferenta al tiu kompleksa problemaro, eĉ konservante sian neŭtralecon precipe nun, kiam ĝi iom post iom etendiĝas en multaj triamondaj landoj, kie antaŭe ĝi apenaŭ estis konita." Kaj post siaj „Konkludoj: pri egalrajteco de la lingvoj kaj kulturoj"la aŭtoroj montras kiamaniere oni povas efektivigi tiun egalrajtecon.

Bedaŭrinde, iuj E-gazetoj timeme tuŝas la problemon pri milito kaj paco. Kaj la organo de unu progresema eŭropa lando dediĉis tutan numeron al la seksologia problemo, ne menciante eĉ la vortojn „milito" kaj „paco"!

## „KION ŜANGI? KION KONSERVI? "

La devo de la ĵurnalistoj-esperantistoj estas nuntempe granda kaj respondeca. Ĉu kiel profesiaj, ĉu kiel kromprofesiaj kunlaborantoj de la amaskomunikiloj, traktante en siaj artikoloj, korespondaĵoj, skizoj, eseoj ktp la problemojn tuŝantajn la popolamasojn. Ili estas devigataj samtempe pensi kaj skribi ankaŭ pri Esperantaj eventoj kaj problemoj, profitante ĉiujn eblecojn surloke.

Kiel modelon tiurilate ni povas montri la ĵurnalistan laboron de nia belga kolego Germain Pirlot. Estas konata lia obstina kolektado internaciskala de informoj pri la instruado de Esperanto en la lernejoj, universitatoj kaj superaj institutoj, por ke oni instigu tiun instruadon plurloke. Konata estas ankaŭ lia kunlaborado al la belga gazetaro pri esperantaj temoj.

kaj speciale al „La Derniere Heure"(La Lasta Horo) kun eldonkvanto 140 000 ekz., aperanta en Bruselo.

En rubriko „Kroniko de Esperanto"(ekde januaro 1980 metita 71-foje ĝis nun) estas artikolo „Kion ŝanĝi? Kion konservi? " en la n-ro de 27.11.1985. En ĝi kolego Pirlot, traktas la troŝarĝitan programon de la Unuversala E-Kongreso en Aŭsburgo, FRG, menciante la sciencajn prelegojn, la Tagon de la Paco – okaze de la 40a jaro de la atombombado al Hiroŝima kaj Nagasaki, la koncertojn k.a. programerojn.

La artikolo „Kion ŝanĝi? Kion konservi? " estas sufiĉe longa – 65 preslinioj kaj faras bonan propagandon por la Internacia Lingvo

**Ivan KEREMIDĈIEV**

## ESPERANTO EN BULGARA TELEVIDO

„La tempo finiĝas" – avertas esperantilingve bela virino. Tiel komenciĝis la 7-an de marto j.k. la elsendo de la amuzkonkurso de Bulgara Televido „Ne estas tempo". Ĉi-foje ĝia „dommastro" estis Bulgara Esperantista Asocio. La elsendo daŭris unu horon kaj estis destinita por la vasta neesperantista publiko. La televid-spektantoj havis eblecon ekscii multon pri la internacia E-movado, pri BEA kaj ankaŭ ĝui Esperantan parolon.

Kiel oficiala gasto la spektaklon ĉeestis Dimitâr Papazov – ĝenerala sekretario de BEA. Partoprenis bone konataj E-aktoroj Luna Davidova kaj Veselin Damjanov, kiuj deklamis kaj kantis en Esperanto, kaj lernejanoj el 8-a lernejo, kiuj respondis al demandoj pri Esperanto.

Ĝis nun aperis jam tri popularaj elsendoj, spektitaj de granda nombro da spektantoj, nome: somere de 1985 la japana esperantistino Saeko Mutoo (edzino de bulgara inĝeniero R.Dargov) gastis ĉe televid-elsendo „Stil" (Stilo) per originala „ikebana". Tiam por unua fojo Brigita Ĉolakova – aŭtorino de „Stil" „malfermis la pordojn de BT" por Esperanto. Sekvis dua partopreno – decembre 1985 en la televid-konkurso „Minuto multas", kies gajninto ricevis premion de BEA kaj IEK. Kaj venis tempo por la tria – jam sufiĉe granda manifestiĝo – la partopreno en „Ne estas tempo".

En preparlaboro estas ankoraŭ kelkaj televid-elsendoj kun E-partopreno. Ni kredu, ke la bone komencita kunlaboro inter BEA kaj BT montriĝos fruktodona ankaŭ estonte.

**Veneta BALEVA**

## ESPERANTO EN RADIO

En 1984 dek stacioj en naŭ landoj disaŭdigis 4 400 Esperantajn elsendojn, kiuj daŭris 1 899 horojn, sed dum 1985 dek du stacioj en same multe da landoj disaŭdigis entute 4 968 elsendojn dum 1 994 horoj. Tio estas por almenaŭ la kvara sinsekva jaro nova rekordo pri radio-programoj en la Internacia Lingvo.

La pasintjara nombro kreskis pro la novaj elsendoj de Svisa Radio Internacia (Berno), direktitaj al Azio, Afriko kaj Ameriko. Ili komenciĝis la 6an de majo, kaj per siaj 837 elsendoj dum 139,3 horoj tiu stacio jam kaptis la trian lokon en la statistiko post Varsovio(2 196 elsendoj dum 976 horoj) kaj Pekino(1464 dum 732 horoj). Aperis ankaŭ du novaj stacioj, Budapeŝto kaj Verona, kvankam ili estas aŭdeblaj nur en malvasta areo.

## LIBERA TRIBUNO

### „INTERNACIISTO" PRI „ESPERANTO EN AFRIKO"

„INTERNACIA ĴURNALISTO" – 3/1985. En ĝi troviĝas interesa artikolo pri la E-movado en Afriko. Ĝia aŭtoro estas Bernard Golden.

Oni ne devas tiel pesimisme pritrakti tiun temon. Ankaŭ sur tiu kontinento la E-movado travivis periodojn de progreso kaj regreso kiel ĉie en la mondo. Ni alte devas taksi tiujn aktivulojn, kiuj pasie kaj senlace laboris por disvastigi nian lingvon en la nigra kontinento. Iliaj malfacilaĵoj fari tion puŝiĝis je multaj faktoroj. La koloniistoj forlasis la landojn, sed siajn lingvojn ili lasis tie. Tial, pro etnaj diferencoj en multaj ŝtatoj en Afriko hegemonias la koloniaj lingvoj. Ili estas instruataj en la lernejoj. Krome oni iom post iom integras la etnajn lingvojn en la socio kaj lernejoj. Tiu proceso malfaciligas la lernadon de plia lingvo kiel Esperanto.

**OBSERVANTO**

### UZI ESPERANTON POR PROFESIAJ CELOJ

En la lasta „IĴ" mi atente legis la artikolon de S-ro B.Golden pri „Esperanto en Afriko".

Se mi bone komprenas lin, ne plu endus okupiĝi pri Esperanto en landoj, kie ne estas granda intereso; sekve,ni ne plu vane disĵetu monon en pluraj eŭropaj landoj, kie multaj E-kluboj iom post iom fariĝas „veteranaj kluboj"!

Mi ne havas tempon por ade pritrakti la problemon, sed falsaj estas ankaŭ la statistikoj menciitaj far Golden; li devus fari diferencon inter eŭropanoj kaj afrikanoj en afrikaj landoj.

Finfine li skribas ke „oni unue oficialigu Esperanton en eŭropaj landoj kaj interŝtataj organizaĵoj, kaj tuj poste Afriko sekvos". Estas nuntempe ega utopio antaŭvidi oficialigon de la internacia lingvo sen ĝia utila uzado en la plej diversaj medioj, kaj ne nur hobie en fermitaj kluboj, en niaj „verdaj getoj".

Pri tio mi ŝatus demandi s-ron Golden kial, ĝis nun, li ne uzis Esperanton por profesiaj celoj, t.e. en arkeologiaj medioj; kial – kvankam li estas ege skribema – li neniam verkis libron pri arkeologio? Laŭ la „UEA–katalogo 1984-85" ekzistas nur unu verko en Esperanto pri tiu fako, tiu de M.Gjivoje, Internacia arkeologio 1974).

Eble pro la fakto, ke estas multe pli facile ade diskuti pri Esperanto ol utile, profesie agadi per ĝi!

**Germain PIRLOT, Belgio**

---

**Redakcia noto: Similan opinion esprimis ankaŭ s-ro H.Bakker, Amsterdamo, Nederlando. Ni pretas aperigi ankaŭ lian artikolon pri tiu temo.**

# NOVA ŜANCO POR TERMINOLOGIO

## 1. Faka apliko kaj term inara kaoso

Por ĉiuj esperantistoj, precipe la novaj, gravas la demando: por kio mi lernas la lingvon, kiel mi utiligu mian scion? Ĉu ĝi servas ne nur al kongresa babilado kaj koresponda spertinterŝanĝo pri vetero kaj personaj vivkondiĉoj – aŭ alivorte: ĉu Esperanto taŭgas por profunde trakti specialajn temojn el mia profesia aŭ ŝatokupa sfero? La respondo konatas: principe jes. . .!

Principe jes, se ekzistus terminaro pri la koncerna fako, se mi trovus en koncerna vortaro la terminojn, sen kiuj interkomunikado pri iu speciala tereno ne eblas.

Ĉar tiu manko evidentiĝis jam tre frue en la movada historio, esperantistoj-fakuloj jam antaŭ la I-a mondmilito komencis kompili fakvortarojn. Ili serĉis en la literaturo jam ekzistantajn esprimojn kaj kreis novajn vortojn, kie ili mankis.

Sed okazis, ke kolego el la sama fako, eble eĉ el la sama lando, ne sciante pri tia verko – aŭ ĉar ĝi ne kontentigis lian bezonon – kompilis kaj eldonis alian vortaron. Precipe en la lastaj jaroj tiel estiĝis multaj duoblaĵoj kaj sinonimoj, malhelpaj por faka komunikado kaj kompromitaj por Esperanto en ekstermovadaj rondoj. (Plej konataj ekzemploj: la batalo inter komputilo – komputoro – komputero k.a., resp. dato – datumo – dateno, donitaĵo).

## 2. Unuaj provoj pri kunordigado

Vidante la danĝeron, kiu tiamaniere minacas precipe internacian planlingvon, en la 50aj jaroj ISAE kaj la Akademio de Esperanto starigis Terminologian Centron, kiu sub gvido de R. Haferkorn (FRG) klopodis unuecigi la terminarajn laborojn por Esperanto. En 1970 R.Eichholz (Kanado) transprenis tiun taskon. Tradukante la germanan „Bilder–Duden" (FRG) al „Esperanta Bildvortaro" li kunlaborigis ĉ. 200 diverslandajn fakulojn. El la slipoj, per kiuj ili interŝanĝis siajn opiniojn, estiĝis, kvazaŭ krom-produkto, la „Slipara Vortaro".

Nun, en la 80aj jaroj, ekestis nova iniciato por kunordigi la pliiĝantajn, sed disajn kaj parte paralelajn klopodojn. En la kadro de la Scienc-Eldona Centro de UEA (SEC) en Budapest kelkaj volontuloj starigis Terminologian Sekcion (TeS), kiu nun, post la – espereble provizora! – likvido de la Budapeŝta oficejo de SEC, rekte ligiĝas al UEA. La sekretario de TeS, Ivan Bujdoso, Budapeŝto, kolektas adresojn de interesitaj fakuloj por interkonatigi ilin kaj instigi al kunlaboro en internaciaj, fake specialigitaj terminografiaj komisionoj. Kiel unuaj formiĝas la komisionoj pri aeronaŭtiko, bibliotekscienco, (bio-)kemio, informadiko (komputiko), lumigado k.a.). En junio 1985 eldoniĝis la unua modesta cirkulero.Laŭ peto la sekretario sendas la unuajn bazajn normproponojn pri la procedo kaj pri-

ncipoj de terminarfarado kaj laŭformaj aspektoj de estontaj norm-terminaroj. Por plenumo de pli ampleksa laborprogramo necesas mono, kompetenta kunlaboro de specialistoj kaj la aŭtoritato de renomaj Esperantaj institucioj.

## 3. Ekstermovada, internacia normiga movado

Kvankam esence grava por Esperanto, la problemo de internacia komunikado tamen ne nur koncernas nian Movadon. En ISO (International Organization for Standardization), kiu de la 20aj jaroj okupiĝas pri objekt-normigo, oni sufiĉe frue eksciis, ke normigo de materialoj, substancoj kaj maŝinoj ne eblas sen interkompreniĝo pri la koncernaj nomoj. Tiel eldoniĝis, apud normoj pri grandoj, mezuroj kaj teknikaj detaloj de industriaj produktoj, ankaŭ normoj pri terminoj de diversaj fakoj. Por ke tiuj terminaroj estiĝu laŭ unuecaj principoj, en 1936 eĉ fondiĝis speciala teknika komitato „TC 37" por ellabori gvidliniojn kaj terminologiajn principojn.

Krom ISO, en kiu nun 74 naciaj norm-komitatoj kunlabore prizorgas preskaŭ ĉiujn (teknikajn) terenojn, specialaj organizaĵoj okupiĝas pri normigo en specialaj fakoj (IEC – International Electrotechnical Commission, IUPAC – International Union of Pure and Applied Chemistry kaj aliaj).

En ŝtatoj, kie regas du- aŭ plurlingveco, la konscio pri fakaj tradukproblemoj „Laŭnature" estas pli evoluinta: en USSR kaj Kanado Akademio de Sciencoj respektive universitato okupiĝas pri terminologi-normigaj demandoj.

Grandaj industriaj entreprenoj, kiel Siemens kaj Philips, evoluigas proprajn terminologiajn datum-bankojn. Informojn kaj dokumentojn pri ĉiuj terminologiaj aktivecoj kolektas Infoterm (International Information Centre for Terminology), la internacia informcentro por terminologio, kiun Unesko kaj la Aŭstria Norm-Instituto (ON) en Vienno fondis 1971. Ĝia ĉefa tasko, apud dokumentado kaj informado, estas kunordigado de ĉiuj priterminologiaj klopodoj sur nia globo.

## 4. La pioniroj estis esperantistoj-esperantologoj

Ĉu estas hazardo, ke gvidan rolon en la evoluo de tiu-ĉi internacia terminologi-normiga „movado" ludas homoj, kiuj ne nur brile regis Esperanton,sed ankaŭ profunde estis studintaj ĝian strukturon kaj porterminologian taŭgecon? La plej elstaraj estis Eugen WÜSTER kaj Ernest DREZEN.

WÜSTER lernis Esperanton, tradukis plurajn beletrajn verkojn kaj kompilis 8-voluman Esperanto-germanan „Enciklopedian Vortaron" antaŭ ol li verkis doktorigan disertacion pri „Lingvonormigo en la tekniko". Tiu germanlingva libro, aperinta 1931, fariĝis la bazo por la plua evoluo de nova scienco, la „ Ĝenerala Terminologio-Teorio"(Allgemeine Terminologie-Lehre; General Theory of Terminology – GTT). Tiu libro jam entenas la bazajn ideojn por la postaj pri-terminolo-

giaj rekomendoj de ISO (TC 37), dum kies ellaborado en internaciaj kolektivoj Wüster estis la gvida kapo. Li ankaŭ instigis kaj energie akcelis la establon de Infoterm, kies honorofica direktoro li estis ĝis sia morto en 1977.

Sed ankaŭ Ernest Karloviĉ DREZEN, Ĝenerala Sekretario de Sovet-respublikara Esperantista Unio (SEU), fondinto de la soveta interlingvistiko kaj aŭtoro de multaj artikoloj kaj monografioj pri la teorio de internacia lingva komunikado kaj la historio de planlingvoj, estis samtempe rekonata specialisto pri terminologiaj demandoj. Laŭ komisio de la Sovetia Akademio de Sciencoj li kuntradukis en la rusan la ĉefverkon de WÜSTER kaj skribis raporton, sur kies bazo en 1936 ISO fondis sian pri-terminologian teknikan komitaton TC 37. De li ankaŭ originas la ideo pri internacia terminologia kodo. Tiun ideon WÜSTER dum plurjardeka okupiĝo evoluis al tre ampleksa materialo, kiu nun, en la okdekaj jaroj, denove estas en aktuala diskuto.

### 5. Ŝanco por nova kvalito

La supre skizitaj faktoj en la Esperanto-movado restis vaste nekonataj. Esperanto ĝis nun evoluis precipe dank' al la beletro kaj ne utiligis siajn skemismajn avantaĝojn por modele sistemigita fakleksiko; esperantistoj ne povis utiligi la ŝancon, enviciĝi en la internaciajn strebojn ĉi-rilate helpe de tiaj „pontaj" eminentuloj kiel WÜSTER, DREZEN k.a. – la ekonomiaj kondiĉoj kaj la konscio pri la graveco de scienca-faka komunikado ne estis sufiĉe evoluintaj.

Sed lastatempe ie kaj tie kreskas la kompreno, ke tiel ni ne povos daŭrigi sen riski la ŝancon iam ludi seriozan rolon en ekstermovadaj sciencaj rondoj.

Necesas esenca reorganizado de la faka laboro, necesas verkado/tradukado (kaj eldonado!) de altkvalitaj enkondukaĵoj en bazajn sciencojn – kaj necesas serioza okupiĝo pri la subevoluinta faka leksiko sur la nivelo de aktuala internacia terminologio (-scienco). Unua paŝo en la ĝustan direkton estas rezolucio, kiun akceptis la Komitato de UEA dum la 70a UK en Aŭgsburg. Jen la teksto:

„I. Konsiderante

– ke la scienc-teknika revolucio stimulas impete la evoluon de la faka lingvo,

– ke por la estonta pozicio de Esperanto en la mondo de fundamenta graveco estas ĝia altkvalita apliko en scienco kaj tekniko,

– ke tiu faklingva apliko de Esperanto en la postulenda kvalito nur eblas, se la terminologio respondas al la necesa nivelo kaj ke diletanteco kaj hazardeco de terminologia laboro grave endanĝerigas tiun kvaliton,

II. Proponas al la Komitato, ke oni en la jaro 1987 fondu esperantan termin-normigan instituton kun la ĉefaj celoj

a) plibonigi kaj unuecigi la terminologian laboron,

b) reprezenti Esperanton en internaciaj normigaj institucioj (ISO,Infoterm k.a.)

III. Proponas al la Komitato, ke ĝi komisiu la Terminologian Sekcion de UEA (ĝis nun ligitan al la Scienc-Eldona Centro de UEA en Budapeŝto) kunlabore kun kompetentaj esperantistaj institucioj (Akademio de Esperanto, ISAE, CED, fakaj asocioj k.a.) trovi la kompetentajn homojn, prepari la necesajn dokumentojn kaj entrepreni aliajn necesajn paŝojn por ebligi la fondon de tiu Esperanta termin-normiga instituto.

IV. Proponas establi la „Fondaĵon Wüster" (fondaĵo terminologio) por certigi la necesajn financajn rimedojn por terminologiaj aktivecoj".

6. **Ĉiuj povas kontribui**

Surbaze de tiu rezolucio eblas la konstruado de pli solida, pli efika institucio ol povis ĝis nun rezulti el la klopodoj de bonvolaj unuopuloj. Sed la sukceso dependos de la preteco de ĉiuj kapablaj esperantistoj, doni sian specifan kontribuon por afero, kiu koncernas nin ĉiujn. Jen kelkaj ekzemploj, kiel eblas subteni la terminologi-normigan laboron:

6.1. organize-informe:
internacia (mondvasta) kunlaboro bezonas homojn, kiuj kapablas ĝin amplekse organizi. Ili devas akiradi kaj pludonadi ĝisdatajn sciojn pri terminologiaj teorio kaj praktiko nadi ĝisdatajn sciojn pri terminologiaj teorio kaj praktiko (lernado kaj instruado), peri kontaktojn inter movadaj kaj ekstermovadaj instancoj, instigi esperantistojn-fakulojn al terminografia laboro kaj helpi /konsili al ili en organizaj demandoj;

6.2. terminografie:
la plej granda grupo da kunlaborantoj estos la fakuloj, kiuj konkrete prilaboros la terminarojn de siaj fakoj. Ili bezonas kaj superrigardan, kaj profundan scion pri sia fako, ĝeneralan kleron kaj bonan konon de lingvoj (ne nur la gepatra kaj Esperanto, sed laŭeble ankaŭ aliaj); cetere tiu-ĉi tasko postulas precizecon, paciencon kaj kun-laboremon;

6.3. finance:
ĉar terminologia agado estas science fundamenta kaj la eldonado de (norm-)fakvortaroj – pro la relative malgranda uzantaro – ne povas esti enspeza, finance memstara entrepreno, la esperantistaro devos zorgi por la necesaj rimedoj. Kvankam la laboro de terminografoj (vd. 6.2.) kaj de organizantoj (6.1.) ne estos pagata, tamen ne eviteblas diversaj elspezoj. Mondonacoj de ĉiuj altecoj do estos bonvenaj.

6.4. aplike:
ne laste necesas, ke la estontaj normoj estos konataj, disvastigataj kaj aplikataj. Neniu ŝtata aŭ jura potenco povas devigi la homojn, ke ili uzu tiun-ĉi esperantan terminon kaj ne alian. Pro tio gravas tut-movada komprenemo, por ke fakuloj, (speciale aŭtoroj kaj redaktistoj) utiligu la terminarojn kaj apliku la normigitajn terminojn.

Jen nur kelkaj el la eblecoj por partopreni en la komuna plenumado de grava tasko. Se inter la menciitaj punktoj estas io por vi aŭ se vi havas aliajn ideojn por perfektigi la supran skizon – skribu al: Ivan Bujdoso, sekretario de TeS,

TeS de UEA
H-1368 Budapest, Pf. 193
aŭ al mi: Wera Dehler, (estrarano de TeS)
GDR-1141 Berlin, Otto Nagel-Str. 110, Pf. 113-05

P.S. Por faciligi nian laboron, bv. laŭeble aldoni kopion de via letero!



## JOSÉ FERNANDEZ ARROYO – LAŬREATO DE LA UNUA PREMIO DE XXV INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

**Jen ĝojiga novaĵo, pri premio al José Fernandez Arroyo, estrarano de ILEF, kiun ni plezure sciigas al nia anaro, publikigante la oficialan leteron de la Juĝa Konsistorio de Internaciaj Floraj Ludoj:**

*„Tre kara kaj altestimata s-ro Arroyo,*

*mi, kiel sekretario de la Juĝa Konsistorio de la 25-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ, havas la honoron kaj plezuron gratule sciigi al vi ke en la Verdikta Kunsido okazinta hodiaŭ, la 8-an de septembro 1985, estis aljuĝita al vi kaj la*

*R O Z O kaj la N A T U R A F L O R O*

*kiujn vi meritis pro via konkursaĵo titolita*

*„NENIO ESTAS KIEL VIA VENTRO"*

*La Beletra Festo okazos sabate, la 2-an de novembro, je la 11-a horo matene, okaze de la 21-a Kataluna Kongreso de Esperanto en la urbeto Sant Cugat del Vallès apud Barcelono.*

*Ĉar vi estas la nunjara gajninto de la Natura Floro – la Premio je „Honoro kaj Ĝentileco – vi rajtas elekti la Reĝinon de l'Poetoj. Pro la graveco de la Festo, ni estus tre honorigataj povi vin saluti kaj gratuli vin persone, kaj ke vi mem deklamu vian belan fus premiitan verkon.*

*Samideanan kaj gratulan saluton!*
*Gabriel Mora i Arana,*
*Sekretario de IFL"*

---

Enkadre de la 100-jara jubileo de Esperanto ni turnas nin al la tutmonda esperantistaro cele al ekspozicio, kiun ni prezentos en Parizo dum la printempo de 1987.

Ni bezonas fotokopiojn de librotitoloj (malnovaj libroj pri la esperantista laborista movado notinde), afiŝojn (novajn kaj malnovajn), poŝtkartojn,(pejzaĝojn, bildojn pri Esperanto kaj porpacaj temoj), turismajn prospektojn en Esperanto, insignojn ktp.

Tiuj dokumentoj estu ĉu donacataj, ĉu prunte sendataj. Kondiĉojn bonvolu precizigi!

Federation Esperantiste du Travail,
178, rue Ordener, F-75018 Paris

## BIBLIOGRAFIO KAJ INTERLINGVISTIKO

La centro de Dokumentado kaj Esploro pri Lingvo Internacia (CDELI) en la biblioteko de la urbo en La Chaux-de-Fonds, havas la honoron anonci al vi, ke kadre de la porjubilea programo de UEA ĝi transprenis la taskon pretigi kaj eldoni en formo de jaraj kajeroj la Bibliografion de Esperanto kaj Interlingvistiko. CDELI petas:

Kunlabori al la pretigo de kiel eble plej kompleta per la sendo de specimena ekzemplero de ĉiuj viaj eldonaĵoj: libroj, gazetoj, grup-informiloj, raportoj, kongresaĵoj, reklamiloj ktp. Adreso: CDELI: Bibliografio de Esperanto, Biblioteko de la Urbo. Poŝtfako 5038, CH-2300 LA CHAUX-DE-FONDS 5, Svislando.

## ANKORAŬ PRI LA STATUTO DE T E Ĵ A

Necesus aldoni en la Ĉapitro VII:

Devas ekzisti TEĴA-Gazetara Servo kiel unuiganta kaj metodike gvidanta centro de ĉiuj „Esperanto-servoj", kiuj spontane naskiĝas kaj same nerimarkite mortas.

Estus racie kompletigi la Statuton per jenaj punktoj:

A) TEĴA havas sian sekcion de junularo kaj studentoj de ĵurnalismo.

B) TEĴA havas sekcion de beletro.

C) TEĴA havas lingvan komisionon, kiu preparas koncernajn rekomendojn.

D) TEĴA havas en siaj kadroj strukturan organon, kiu registras kaj helpas la kunlaboron en internacia skalo de ĵurnalistaj ŝatokupoj (turismo, kolektado, foto, kino, sporto, metioj k.t.p.)

E) TEĴA aranĝas ekspoziciojn, konkursojn, por kio ĝi difinas kaj publikigas temon kaj tempon, nomas ĵurion, difinas premion (kiuj unuatempe povas esti pure simbolaj). Ĝi kompensas merititajn kolegojn per premioj kiel unufojaj, tiel ankaŭ sistemaj memore al eminentaj esperantistoj-ĵurnalistoj.

**N.Danovskij**

# Ricevitaj esperantaĵoj

– **Progresemaj momentoj en la ideologio de L.L.Zamenhof** de Canko Murgin – 68-paĝa libreto. Ĝi entenas tre aktualajn kaj interesajn studojn aperintajn plejparte jam en „Paco", bulteno de la MEM-sekcio de GDR, sed ankaŭ en revuoj „Bulgara Esperantisto" kaj „Paco" – internacia organo de MEM. Bonega eldonaĵo okaze de la 126-jariĝo ekde la naskiĝo de la aŭtoro de Esperanto kaj 100-a jubileo de la Internacia Lingvo. Redaktoro de la libreto – Ivan Keremidĉiev – Esperov, kaj teknika redaktoro – Vanja Borisova. Ĝin eldonis Bulgara Esperantista Asocio, Sofio, 1985.

– **Homoj, antaŭen!** de Penjo Penev – verskolekto de la mortinta en sia juneco bulgara poeto Penjo Penev. Kunmetis Nikola Pilev, redaktis Violin Oljanov kaj

Tonka Dimitrova, kun enkonduko de Tonka Dimitrova. 104-paĝa eldonaĵo de Bulgara Esperantista Asocio, Sofio, 1986.

– **La paco kaj la sindikatoj** – enkonduka parolado de Petro Djulgerov, vicmembro de Politika Buroo de Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio kaj prezidanto de Centra Konsilio de Bulgaraj Sindikatoj. La parolado estis farita dum la Internacia Sindikata Renkontiĝo – Dialogo, okazinta en Sofio, Bulgario. Tradukis Nikola Aleksiev. Broŝuro 48-paĝa, Sofio 1985.

– **Esperanto progresas** – **Esperantaj novaĵoj** (novembro 1985) kaj **Informa folio** (decembro 1985) – du novaj priesperantaj informbultenoj en bulgara lingvo. La unua bulteno (malgrandformata) aperas periode, kaj la dua – ĉiumonate. Ili liverados al la bulgaraj amaskomunikiloj bonkvalitajn E-informojn. La informbultenoj konvene helpos la bulgarajn esperantistojn respeguli per la bulgarlingvaj amaskomunikiloj la aktivecojn de la bulgara E-movado.

– **Literatura foiro 92** – dumonata revuo, havas multajn eminentajn redakcianojn. Ĝi aperas en Italio kaj estas administrata en Svislando. Kvankam ne tre ampleksa (30-paĝa, malgrandformata), ĝi aperigas interesajn kaj bonkvalitajn belliteraturaĵojn.

– **Ĉina Esperanto-Kalendaro 1986** – belaspekta, bonkvalita papero, grandaj belaj kolordesegnaĵoj – grupo de ĉinaj infanoj ludantaj en diversaj pozoj sur ĉiu folio malsame lokitaj. Kalendara formato – 25/50 cm. Eldonaĵo de ĉinaj: Internacia Librokomerca Kompanio, E-Ligo gazeto „El popola Ĉinio" kaj E-eldonejo. La kalendaro estas bonega antaŭdonaco por la partoprenontoj de la 71-a Universala Kongreso en Pekino, 1986.

## el nia leterkesto

– **Aleksander V. Korĵenkov, Sverdlovsk, USSR** – skribas al ni: „. . .hodiaŭ ni ricevis la 3-an numeron de „IĴ", dankon! Kvankam ne tre modernaspekta, ĝi havas interesajn materialojn: la artikoloj de Golden kaj Danovskij estas nepreterirendaj". Dankon pro Via aprezo. Via artikolo pri „Esperanto kaj . . .sciencfikcio" aperos en nia organo. Ni volonte ricevus ĉiuspecajn E-periodaĵojn, ankaŭ „Ekzakte". Bonvolu respondi al ni ĉu Vi konsentas esti reprezentanto de TEĴA kaj „IĴ" en Via regiono?

– **Bernard Golden, Veszprem, Hungario** – La novan artikolon „Literatura piratado kaj plagiato". Ĝi aperas en la nuna numero de „IĴ". Ni ricevis du leterojn, en kiuj oni ne dividas Vian opinion en la publikigita artikolo „Esperanto en Afriko" n-ro 3/1985 de „IĴ"

– **G. kaj M. Trenner, Paris, Francio** – Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Dankon!

– **N.I.Sigal (Odessa, USSR), O.Stolberg (Leipzig,GDR),V.Bujak(Minsk,USSR)** – Dankon pro la bonaj vortoj kaj Novjaraj bondeziroj.

– **Arpad Mathe, Budapesto, Hungario** – Dankon pro la salutoj. Ni plenumos Vian peton laŭ la eblecoj.